# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Sekcio de Migrantaj Poŝtkartoj,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.

Prezidanto: J o s e f G r o e b e l.
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5
Poŝtĉekkonto: Köln 37957

N-ro.6 Junio 1926 3.jaro.

R E P R E Z E N T A N T O J.

Argentino. Buenos Aires, Belgrano 825, sinjoro Miguel, E. Castaneda.

Aŭstrujo. Wien XII, Erlgasse 38,II/25, sinjoro Alfred Heuer.

Britujo, London N.4, 61 St.Thomasroad, sinjoro Levinstone Jenkins.

Ĉeĥoslovakujo. Aussig a.d.Elbe,Teplitzerstr.26 sinjoro Ing. Otto Schwarz.

Francujo. Wattrelos [Nord], 286 rue de l'Union sinjoro Emile Boone.

Hungarujo. Budapest VIII, Madachstr n-r 43 / 5 sinjoro Johano Sturm.

Jugoslavujo. Koprivnica, ulica Lenisce,sinjoro Franjo Sifkorn.

Litovujo. Zadavainiai, Daugailiai,s-ro A.Kuosa

Nederlando. Utrecht,Weerdzingel WZ56, GHW.Cotê

Persujo. Sultanabad, sinjoro R. Taheri.

Polujo. Boryslaw, polujo potok dolny, Dom de Premier, sinjoro W. Wrobel.

Rumanujo. Alba-Julia, str. Dorobantilor n-r 19 sinjoro Aleksandru Fridli.

Svedujo. Göteborg. Sveda Esp. Lab. Förbundet, sinjoro Einar Adamson.



N I S E R Ĉ A S
en ĉiuj nenomitaj landoj
R E P R E Z E N T A N T O J N.

Al ĉiuj sinceraj Amikecanoj!

Certe tre multaj inter vi konfirmos, kiam mi diros ke unu el plej oftaj malagrablaj spertoj de esp. korespondantoj estis kaj estas la nekompreno de multaj korespondantoj pri ĝusta celo de eksterl. interkorespondado. Kiaj sendaĵoj ne nur estas seninteresaj, sed ankaŭ ofte senvaloraj. Inter 10 ricevitaj p.kj. maksimume 2,3, estas valoraj por serioza kolektanto; inter 10 filatelistaj sendaĵoj nur 1 aŭ 2 montras seriozan forsendinton. Spertinte tion-ĉi dum mia 20 jara per-esp. korespondado, mi post longa serĉado fine trovis la „Amikecon" kaj tuj fariĝis ĝia membro firme kredante, ke tie-ĉi mi fine trovas realigon de mia kaj via idealoj:

1.]Uzadi ĉiam nur p.k. tre interesajn kaj kiel eble kun vidaĵoj el t u t a s i a l a n d o.

2.]P.kj. estu bonkvalitaj kaj prefere ne kolorigitaj ol kolorigitaj malbone.

3.]Oni almenaŭ unufoje respondu ĉiun ricevitan proponon [eventuale kun s e n k a ŝ a malakcepto de alveninta propono] aŭ almenaŭ n e p r e en nia organo sciigu, ke pro multaj alvenintaj sendaĵoj ne estas eble ĉiujn individue respondi. Tiu-ĉi maniero estas uzota komprenebla nur se oni ne sukcesis transdoni la superfluajn poŝtaĵojn al siaj lokaj esp. amikoj, por ke ili anstataŭ ni ekrilatu kun sendinto.

4.]Plej severe kaj konsekvence uzadi la bonfaron de „Nigra listo".

5.]Rilatante kun ne – Amikecanoj ĉiam kaj ĉie atentigadi pri nia Ligo kaj varbi novajn adeptojn.

N u r t i a m „Amikeco" fariĝos fama kaj ĝia membraro rapide kreskos, por poste povi entrepreni pluajn pli grandajn taskojn. Fine estas dezirinde, ke multaj membroj ofte kunlaboru en nia organo, por ke nia oferema sinjoro prezidanto ne devu plenigi ĝiajn paĝojn per historio de ĉefrabistoj.

Kun tiaj ideoj mi enpaŝas „Amikecon" Ĉu mi kaj multaj aliaj membroj ne estos trompita? Kiuj el vi samopinias kaj volas tion pruvi?

Plej nova membro F.Ŝ. n—o 47.

*

Paŭl Mondjesch, emerita instruisto en Fogaras Romanujo.— Oni avertas aĉeti markojn de li, ĉar li vendis tre multajn falsigitaĵojn, rilate al la pli malnovaj markoj, kiel antikva Italujo, antikva Romanujo k.t.p. tiel Romanaj kaj aliaj surpresitaj markoj ekz. de Danzig post milttempo. Estas asertate, ke li metie aĉetas falsigitaĵojn por vendi ilin kiel malfalsajn markojn.

*

E. Gedwardt, Frankfurt a.O., ankoraŭ neplenaĝ'a, pentofaras momente pli longtempan punon en malliberejo pro marktrompo. Lia familio ne sukcesis halti lin sur ĝ'usta vojo, kaj bedaŭrinde oni povas supozi, ke li post la [reveno] eliro el la malliberigejo denove laboros je tiu profesio, tial averto estonte estas necesa koncerne lin.

*

N O V A   A D R E S O .

Sinjoro Erich Fritzsche, membro n-o 111 loĝ'is antaŭe: Leipzig — S., Germanujo,
nun: Cartwright Gardens 52, London W.C. 1,
Britujo.

La reprezentanto de Britujo estas petata, bonvoli sendi nian klubgazeton „A m i k e c o" al sinjoro Fritzsche regule.



V A R B U   N O V A J N   M E M B R O J N !

Bruligo de bonfaromarkoj.

La restaĵoj de la bonfaromarkoj de Lichtenstein estas bruligitaj:

estis 109000 markoj po 10 Rp.
103000 „ „ 20 „
45000 „ „ 30 „

De ĉiu speco ekzistis 300000 ekzempleroj.

---

KIU KUNAGAS?

Mi serĉas fotografojn [ankaŭ amatorajn], en diversaj landoj kiuj interŝanĝ'as aktualajn vidaĵojn kun malgrandaj raportoj publikigotajn en il.revuoj. Proponoj sub 23 al la administracio

---



---

Abonprezo: unu jaro 1 U.S. Dolaro.

Anoncprezoj: 1 pag'o 4 U.S. Dolaroj, ½ pag'o 2 U.S. Dolaroj, ¼ pag'o 1 U.S. Dolaro. Malgrandaj interŝanĝ'anoncoj ĉiu vorto 5 orpfenigojn.

Fino de la akcepto de la anoncoj ĉiufoje la 20a de monato.